JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Aperas trifoje jare. Redaktoro O. Kníchal, Budaörs, Patkó u. 3., Hungario. Grafika aranĝo S. MacGill. Abonoj: en la soc. landoj ĉe resp. landaj asocioj aŭ koncernaj kompetentaj instancoj, en aliaj landoj ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Prezo 5,70 gld.

Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor

**XIII évfolyam**
**86/1 szám**

Felelős szerk.: Princz Oszkár

Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség Budapest Kenyérmező u. 6. 1081

Felelős kiadó: Vaskó Tibor

Készült a MESZ Sokszorosítóban
**hearota 86-0016**
Kiad. eng. sz.: III/IFJ/30/1976.
**ISSN 0230-1318**

*

TASKO DE ĈIU ESPERANTISTO: PROPAGANDI LA REVUON INTER LA KOMENCANTOJ!

Oni povus atendi, ke la gazeto, kiu havas tiom da junaj legantoj (ĝi aperas en kelkmil ekzempleroj) servos kiel forumo precipe al tiuj ĉi adresitoj, ke ĝi spiros per iliaj imagoj, voĉoj, leteroj. Fakte — inter la kontribuantoj troviĝas ĉefe la plenaĝuloj.

Tamen, la kerno de la problemo estas alie — nome, ke la plenaĝuloj "superŝutas" la redakcion preskaŭ nur per siaj propraj aŭ tradukitaj verkoj, sed ili havas nenion por diri ekzemple pri la agado de junularo, pri la junaj lernantoj de Esperanto, pri iliaj hobioj, internaciaj kontaktoj kaj tiel plu.

Kompreneble,tio rilatas unuavice la geknabojn mem. Sekve, nia gazeto fariĝu tribuno de ĉiuj lernejanoj — la pli kaj malpli aĝaj, — de tiuj, kiuj kapablas verki aŭ traduki, sed ankaŭ de tiuj, kiuj simple deziras almenaŭ sur kelkaj linioj peti la vorton. Ĉiuj povas ricevi ĝin.

O. Kníchal

Sur la kov'ril-paĝo: Foto de Z. Fejér.

Avraham Ŝlonskij (1900-1973)

# Rikolt'ista kanto

En aero brulas varmo,
flamas[1] sun'[2] ardante,
la sem'intoj[3] kun la larmo
kantas rikoltante.[4]

Milda[5] kiel kolomb'in[6]
kiel palmo svelta,[7]
ligis garbojn[8] jun'ul'in'
el spik'aro[9] spelta.[10]




El la hebrea tradukis J. Kohen-Cedek.

1) hele brilas, 2) kun varm'ego, 3) kiuj semis, semi: disĵeti semojn por kreskigi ilin, 4) rikolti — kolekti kreskaĵojn, 5) delikata, dolĉa, 6) paca birdo, 7) elegante mal-dika, 8) aro da grenoj, 9) kion oni rikoltas, 10) speco de greno.

# KION ILI CELAS ?

Al multaj ag'adoj de Unesko (Organizo de la Unu'iĝ'intaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo) apartenas ekde 1953 ankaŭ sistemo de asoci'iĝ'intaj[1] lernejoj, kiu hodiaŭ grup'igas 1400 lern'ejojn en 85 ŝtatoj-membroj de tiu ĉi organizo. La celo estas eduk'ado al efektiva paco, inter-nacia kompren'iĝo kaj kun-laboro.

Al la sistemo povas al'iĝi pere de la instru'isto ĉiu klaso en la mondo. La al'iĝo estas sen-paga kaj la instru'isto sin dev'igas real'igi kroman pedagogian laboron dum la tuta lerno-jaro kaj informi pri ĝi la inter-nacian centron.

La agado sur tiu ĉi kampo povas koncentr'iĝi je unu el la sekvaj temoj: a) la tut-mondaj problemoj kaj la rolo[2] de la sistemo de U.N. por ilin solvi,[3] b) la homaj rajtoj, similaj landoj kaj kulturoj, ĉ) la homo kaj lia medio.[4]

La celo de la asoci'iĝ'intaj lernejoj estas facil'igi inter-ŝanĝon de informoj, korespond'aĵoj, lern'ej'anoj (ge-knaboj kaj instru'istoj) ktp. Ekzemple inter-ŝanĝon de instru-materialoj kun-ord'igas ĉiuj naciaj centroj, ili tradukas aŭ pret'igas dokumentojn, organizas konferencojn por instru'istoj aŭ lernantoj.

Unesko helpas la lern'ejojn praktike — ĝi senpage dissendas multajn el-don'aĵojn, speciale inform'ilon "La internacia kompreno en lernejon" (en la angla, franca aŭ hispana) kie oni povas ek-scii pri diversaj interesaj ag'adoj de la naciaj centroj kaj lerni de ili. Sam-tempe Unesko el-donas de tempo al tempo por-infanajn libr'etojn, ekzemple pri la temo "La homaj rajtoj en la klaso".

Kia-maniere parto-prenu en tiu ĉi tut-monda ag'ado la esperant'istaj lern'ej'anoj? Ekzemple kontakt'adu laŭ la listo de la klasoj, kiuj aliĝis. Sed ankaŭ korespondad'on kun la klaso, kiu ne estas ano de la sistemo, oni povas rigardi kiel laboron laŭ la punkto c.

Ĉu vi povas sci'igi al ni vian opinion aŭ sperton?

1) kiuj unu'iĝis por iu celo, 2) tio, kion oni devas fari, plenumi, 3) trovi la respondon al demando, 4) ĉirkaŭ'aĵo.

# Ĉu Atlantido estas Anktarkto?

Antaŭ preskaŭ 25 jar-centoj greka filozofo[1] Platono re-rakontis en unu el siaj verkoj antikvajn[2] grekajn legendojn[3] pri Atlantido. Li skribis, ke antaŭ 10-12 mil jaroj ekzistis ie en la Atlantika oceano grand'ega insulo[4] (aŭ eble eĉ kontinento), sur kiu loĝis atlantoj. Tio estis forta kaj riĉa lando. Sed foje, "dum unu tago kaj unu mal-feliĉa nokto" ĝi mal-leviĝis en la oceanon.

Kaj jam de-longe la homoj klopodas ek-scii, ĉu efektive Atlantido ekzistis. Unuj dubis pri la ekzisto de Atlantido, aliaj kredis je la vereco de la antikvaj legendoj. Oni nomis multajn lokojn, kie povus trov'iĝi Atlantido. Plej ofte oni opiniis, ke Atlantido trov'iĝis ie en Atlantika oceano aŭ en Ameriko.

Laŭ la opinio de itala scienc'isto[5] Flavio Barbieri Atlantido estas Antarkto! Sed ĉu tio povas esti vero?! Ja en Antarkto estas terure mal-varme, ĝin kovras grand'egaj glaci'ejoj. Tamen, Platono pri-skribas Atlantidon kiel landon de ĝardenoj.

"Tio ne estas mal-saĝa el-pens'aĵo", — diras F. Barbieri. "En tiu tempo la polusoj[6] de la tero troviĝis en tute aliaj lokoj. Se transloki la polusojn je 2,5 kilometroj, tiam ĉio koincidos"[7]. Unu el liaj pruvoj[8]: en Siberio ne ĉiam estis mal-varme, iam tie estis regiono de sub-tropikoj.[9] Ja oni trovas tie rest'aĵojn de bestoj kaj kresk'aĵoj, kiuj povis vivi kaj kreski nur en varma regiono.

Sekve, opinias F. Barbieri, ankaŭ Atlantido devis trov'iĝi en varma regiono. Laŭ F. Barbieri, Atlantido ne mal-aperis en oceano, sed nur translokiĝis. Sed kial?

Barbieri diras, ke antaŭ dek mil jaroj kun la Tero kun-puŝ'iĝis kometo.[10] Necesas rimarki, ke antaŭ Barbieri kelkaj scienc'istoj ankaŭ opiniis, ke iam okazis kun-puŝ'iĝo de la Tero kun kometo aŭ kun iu alia ĉiela objekto. Oni eĉ diris, ke tiu objekto pezis ne mal-pli ol 200 miliardoj da tunoj.

Ĉu povis tia frapo trans-loki la polusojn je 2,5 kilometroj? Malfacile respondi. Sen-dube la sekvo de tia kun-puŝo estus ne nur trans-lok'iĝo de la polusoj. Sam-tempe devus

ek-esti grand'egaj ondoj[11] sur ĉiuj oceanoj. Kaj tio estas por F. Barbieri ankoraŭ unu pruvo de lia opinio: ja ne nur la biblia legendo rakontas pri tut-monda diluvo[12]. Rakontoj pri teruraj diluvoj estas en legendoj de preskaŭ ĉiuj popoloj.

Tamen, ĉu ĉiuj atlantoj pereis[13] pro mal-varmo kaj diluvo? Barlieri opinias, ke tio ne povis okazi. Tiuj, kiuj restis vivaj post ĉio, trans-loĝ'iĝis sur aliajn kontinentojn helpe de sia forta ŝip'aro. Sed kien? Tiu demando restas dume sen respondo.

Oni povas konsenti kun F. Barbieri aŭ kontraŭ-diri al li. Sed la opinion de la itala scienc'isto oni povas ekzameni[14]: se Barbieri estas prava, sub la glacia kovr'ilo de Antarkto devus konserv'iĝi rest'aĵoj de Atlantido.

Gennadij Kulagin



**1)** saĝulo, **2)** mal-nov'ega, **3)** rakontoj pri de-longaj tempoj, **4)** tero meze de akvo, **5)** kiu havas vastajn sciojn pri io, **6)** la plej supra kaj plej mal-supra punktoj de la Tero, **7)** estos ĝusta, **8)** kio sub-tenas iun opinion, **9)** kie estas ĉiam varme, **10)** ĉiela objekto, **11)** amaso da akvo, **12)** kiam akvo kovras teron, **13)** ĉesis vivi, **14)** profunde esplori.

# Mirindaj kartoj

Mal-kovro kaj klar'igado de la du geografiaj kartoj igas opinii, ke antaŭ kelkaj miloj da jaroj vivis popolo, kiu havis tiajn grandajn sciojn, ke ĝi povis eĉ krei kartojn de la Tero, sur kiuj estas ne nur ambaŭ Amerikoj, sed ankaŭ Antarkto, kiun oni mal-kovris nur en la 19-a jarcento.

Pri tiuj kartoj okupiĝis aro da usonaj scienc'istoj. La ver'econ de tiuj ĉi kartoj jesis la biblioteko[1] de la Usona kongreso[2] kaj la Usona geografia societo[3]. Unu el la du kartoj, pri kiuj ni parolas, estiĝis en 1513. Ĝia aŭtoro estas turka admiralo[4] Piri Reis, kiu sur ĝi sufiĉe ĝuste prezentis Atlantikan oceanon, bordojn de Eŭropo, de Afriko kaj de Ameriko. Sur la karto aperas ankaŭ la bordoj de Antarkto.

Tre ĝustan bildon pri Antarkto prezentas ankaŭ la karto kiun faris en 1531 franca matematik'isto Orons Fin. O. Fin, same kiel Piri Reis, sci'igis, ke ili ambaŭ kreis kartojn laŭ multe pli mal-nov'egaj kartoj, kiuj poste perd'iĝis.

La ĝusteco de tiuj ĉi kartoj ek-mir'igis la scienc'istojn. Aparte mir'inda estas tio, ke kelkaj supr'aĵoj en Antarkto, kiujn Piri Reis prezentas sur sia karto kiel insulojn, efektive montr'iĝis insuloj. Esploroj[5] helpis kompreni, kial sub profunda glacio trov'iĝas meze de akvo mal-supro de la monto. Tio igis el-diri ne-kred'eblan opinion, ke la karto de Piri Reis, sam-kiel tiu de Orons Fin, est'iĝis laŭ la mal-nov'egaj kartoj, kiujn oni faris ankoraŭ en la tempo, kiam Antarkto ne estis sub glacio.

Kaj kiu scias, ĉu la kartoj de Piri Reis kaj de Orons Fin ne est'iĝis ankoraŭ laŭ tiuj de la atlantoj mem?!

G.K.

1) libr'ejo, 2) parlamento, 3) aro da homoj, 4) estro de ŝiparo, 5) stud'ado, pri-rigard'ado por mal-kovri ion.

# KANTU!

## Mi leporo estas eta

(Ja sam jeden mali zajec)

El la kroata: I. Szabó




1) besto kun longaj oreloj, 2) mal-trankvila, 3) mal-dolĉe.

Julianna Ursinyi

# La muziko de la nokto



La blua ĉielo mal-lev'iĝis al la lago:

- Mi petas vin fari glata[1] vian akvon, por ke mi povu rigardi min en ĝi, ĉar mi atendas gastojn.

La lago ne deziris inter-paroli kun la blua ĉielo.

- Hodiaŭ ne rigardu vin en mi, ĉar ankaŭ mi havas gastojn kaj mi ludas kun ili!

Tio tuŝis mal-agrable la bluan ĉielon. De-nove ĝi komencis pet'egi la lagon:

- Mi petas vin, nur por unu minuto! Vi estas la plej bela spegulo[2] de la tero. Nenio brilas sur ĉi tiu tero tiel kiel via spegulo.

La lago ne atentis. Ĝi ludis plu. Ĝi lek'adis[3] sian bordon per molaj ondoj[4]. Naja-doj-infanoj[5] naĝis[6] kun la blankaj ŝipoj. La lago trovis ĝojon en ilia ludo.

"Nu, atendu", pensis la blua ĉielo kaj nigr'iĝis pro la kolero. La grizaj pluvo-portaj nuboj estis ĝuste proksime. Ĝi ven'igis ilin al si. Ili estis jam lacaj pro la longa vojo, iliaj dorsoj mal-rekt'iĝis pro pezaj sakoj[7] plenaj de pluvo. La blua ĉielo de-prenis la sakojn kaj el-premis la akvon rekte sur la lagon. La lago ek-timis pro la pluv'ego.

- Kio okazos al mi? - ĝi ĝem'etis[8].

La blua ĉielo rid'egis: ha,ha,ha... Sed jam ankaŭ ĝi ne brilis, ĉar la suno lace ek-ripozis. Ankaŭ la lago mal-hel'iĝis pro la ek-timo. Mal-rapide vesper'iĝis. La ranoj-fraŭloj[9] muzikis al la ran'inoj-fraŭl'inoj. Ankaŭ la steloj mal-fermis siajn fenestrojn kaj rigardis la teron. Ili pensis envie[10], ke tiuj supre vivas mute[11]. Kaj ke la lago aŭskultas la muzikon ĉiu-vespere. Kelkaj steloj ek-iris al la tero por aŭskulti la noktan muzikon de la lago. Ili ek-sidis sur la bordon kaj aŭskultis la koncerton tut-nokte.

Jam mateniĝis. Ili volis re-iri, sed ili ne povis! La bordo de la lago estis malseka kaj ili profund'iĝis en ŝgin kaj far'iĝis floroj.

Kiam la suno lev'iĝis, sur la bordo de la lago brilis bel'egaj flavaj floroj. La steloj restis sur la tero, sur la bordo de la lago, kaj neniam plu volis re-iri al la aliaj, sur la mutan ĉielon.

Tradukis I. Takács
Desegnis P. Rak







1) sen el-star'aĵo sur la supro, 2) kio re-donas la bildon, 3) tuŝ'adi ion per lango, 4) akvoamaso, kiu lev'iĝas kaj refalas, ekz. sur la maro aŭ lago, 5) najado — duon-dia est'aĵo, 6) trans-lok'iĝi en akvo per movoj, 7) ujo por en-teni aŭ trans-porti ekz. grenon, 8) ĝemi — esprimi doloran senton per sonoj, 9) verd-kolora besto kun longaj postaj kruroj, kiu vivas ĉe akvo, 10) deziri havi tion, kion alia posedas, 11) sen paroli aŭ kapabli paroli.

# MARIONETO

Marioneto povas movi manojn, krurojn, kapon. Ĝiaj movoj similas tiujn de aktoro. La sur-hav'aĵon de marioneto oni devas elekti tiel, ke ĝi respondu al la rolo, tasko, kiun tiu plen'umas. Veston por marioneto oni pret'igas same kiel por mal-granda pupo, se eble koloran. La kapo kaj la korpo estu el ligno, la kolo estu movebla.

Sur la bildo A estas figuro de marioneto sen vesto kaj fadenoj (per kiuj oni movas ĝin).

La vesto kaj fadenoj estas vid'eblaj sur la bildo B. La alt'eco de la figuro estas 23 centimetroj.

Sur la bildo C la pupo vid'eblas de-flanke kaj sur la bildo Ĉ — de antaŭe.

La piedoj kaj manoj devas esti tre pezaj, ĉar de ili de-pendas movoj de la marioneto.

La bildo D montras kiel fari la manojn kaj ŝultrojn — eblas util'igi aluminion. En **1a** faru truon por drato de la brako kaj plen'igu ĝin per plumbo aŭ stano, poste for-prenu stri'eton **1** de la mano, fajlu, glat'igu la manon kaj kovru ĝin per hel-kolora nitro-lako. Harojn de la marioneto faru el fadenoj.

La brakon (**2**) ligu al la korpo (**3**) per drato (**4**). La suban parton (kruro **5**, bildo E) el-tranĉu el latuna lado, en-igu ĝin en form'ujon (**6**) el aluminio kaj plen'igu per plumbo aŭ stano. Kiam ĉiuj partoj kun'iĝas, kontrolu, ĉu la kun'iĝoj libere moviĝas.

La figur'eto pendas sur 7 fadenoj. La supraj fin'aĵoj al'iĝas al speciala kruco, kiu servas por direkti la movojn de la marioneto (bildo F): tabuleto **8** (18mm x 18mm x longo 140mm), tabuleto **9** (4mm x 10mm x longo 120mm), mov'ebla tabul'eto **10** (4mm x 12mm x longo 200mm).

Por movi la marioneton prenu la tabuleton **8** kaj premu per la dik-fingro je **10**, al kiu lig'iĝas fadenoj de la ge nuoj.




Per la montro-fingro trans-movu la tabuleton **10**, al kiu ligiĝas la piedoj de la pupo. Se oni levas laŭ-vice supren kaj sam-tempe movas antaŭen la fin'aĵojn de **10**, la marioneto




D







komencas paŝi. Per mov'ado de la fadeno (**m** — **m**) oni povas levi la brakojn. Per la movoj de **9** turn'iĝas la kapo.

Agrablan amuzon!

# EL ĈIUJ MOND-

## Tim'iga lern'ado

Vere ne-kutiman special'econ povas hav'igi ge-knaboj de la fundamenta lern'ejo en vilaĝo Dcholharvadi en la hinda ŝtato Karnataka. Nome, krom la kutimaj aferoj oni lernas tie ankaŭ trakti[1] danĝerajn serpentojn[2]. En la lern'ejo trov'iĝas ĉirkaŭ 200 tiuj ĉi bestoj, el kiuj la infanoj plej ŝatas la 50-kilograman pitonon.[3]

## Pra-homo vivis pli sane

Usona medicina ĵurnalo skribis, ke la homo kiu vivis antaŭ multaj jaroj, havis pli sanan manĝ'aĵon ol la hodiaŭa. Li tute ne suferis pro la alta sango-premo, diabeto kaj iuj specoj de kancero. La homo, kiu vivis antaŭ 500 mil jaroj, manĝis precipe viandon, kiu estis pli bona ol nun. Cetere, viando de sovaĝaj bestoj estas, laŭ la ĵurnalo, pli bonkvalita ol tiu de hejmaj[5] bestoj, precipe malpli grasa.

## Arboj parolas

Kiel cert'igas special'istoj en la Universitato de Washington (Uoŝingtn), salikoj,[6] kiujn atakas[7] insektoj, trans-donas signalojn per kemi'aĵo, en ilia foli'aro al najbaraj arboj eĉ je distanco de kvin metroj. La scienc'istoj estas certaj, ke la arboj sendas tiujn ĉi "leterojn" pere de vento.

## Kresk'aĵoj en profundo

Usonaj biologoj mal-kovris kresk'aĵojn, kiuj vivas 270 metrojn sub la maro proksime de Bahamaj insuloj. Ĝis nun oni kredis, ke la kresk'aĵoj, kapablaj fari foto-sintezon, ne povas ekzisti pli profunde ol 180-200m sub akvo-nivelo, ĉar ili bezonas almenaŭ 1 procenton da lumo. La kresk'aĵoj, kiujn oni nun malkovris, ricevas nur cent'onojn da procento de sun-lumo.

## Vilaĝo de rekord'uloj

Franca vilaĝo Aubigny sur la bordo de Atlantika Oceano estas verŝajne loko kun la plej granda nombro de rekord'uloj en la mondo. Al tridek ne-kutimaj atingoj certe apartenas kruc-enigmo 30 x 9 metroj, kiun faris 30-jara René Carpentier el 125 000 partoj. Lia sam-vilaĝ'ano, 46-jara Claude Gignard, veturis bicikle sen-inter-rompe

## ANGULOJ

50 horojn kaj tra-veturis entute 1060 kilometrojn. La vilaĝ'anoj okupas la unuan lokon en la mondo ankaŭ en la ĵet'ado per omleto.[8]

### Ĉu ekzistas Sirenoj?

Glora greka poeto Homero pri-skribas en sia Odiseo, kiel heroon Odiseon persekutas[9] sur la maro duon-homaj est'aĵoj, kiujn oni konas sub la nomo Sirenoj kaj kiuj logis per sia ne-rezist'ebla[10] voĉo tiel forte, ke la homoj oni-dire salt-adis en la maron kaj tie pereis.[11]

La scienc'istoj mal-kovris, ke en la tempo de Odiseo ekzistis en Mediteraneo ĝibaj[12] balenoj,[13] kies poste'uloj ankoraŭ nun vivas en iuj oceanoj. Kaj estas ĝuste tiuj grand-fiŝoj, kiuj kapablis el'igi sonojn similajn al melodioj, foje tre al-logajn...

1) la-maniere agi kontraŭ iu aŭ io, 2) besto kun tre longa korpo, 3) speco de serpento, 4) la homo, kiu vivis antaŭ tre longa tempo, 5) kio dik'igas, 6) arboj, kiuj kreskas precipe ĉe akvo, 7) komenci batalon kontraŭ iu aŭ io, 8) manĝaĵo el ovoj, 9) sekvi por atingi, 10) kion oni ne povas kontraŭ-stari, 11) ĉesi vivi, 12) kun el-staraĵo sur-dorse, 13) la plej grandaj fiŝoj.

Patro kun sia filo en-bus'iĝas kaj aĉetas nur unu bileton.

— Kiomjara vi estas et'ulo? — demandas la konduktoro al la knabo.

— Kvar-jara.

— Kaj kiam vi estos kvin-jara?

— Post kiam mi el-bus'iĝos.

* * *

Studento al sia amiko:

— Ni tiel akre konfliktis kun la patro, ke ĝis la fino de miaj studoj mi ne akceptos de li eĉ unu dolaron!

— Ne estu mal-saĝa. Kiu sub-tenos vin poste?

— Patrino.

* * *

— Nomu al mi kelke da dolĉaj aĵoj!

— Sukero, mielo, siropo, repago...

* * *

— Halo, ĉu mi parolas kun la lern'eja direktoro?

— Jes, kion vi deziras?

— Pardonu, ĉu mia filo povus hodiaŭ ne veni en la lern'ejon? Mi bezonus lian helpon.

— Bone. Kaj kiu vi estas?

— Mia patro.

# POR LERTULOJ

**I.** Unu anason (1) eblas inter-ŝanĝi por unu strigo (2) kaj du erinacoj (3). Du strigoj valoras unu anason kaj unu erinacon.



**Demandoj:**

1. Por kiom da erinacoj eblas interŝanĝi unu strigon?
2. Kiom da erinacoj valoras unu anaso?

**II.** Daŭrigu desegnon en kvadratoj kaj tri-anguloj laŭ la regulo, kiun vi devas mal-kovri. Plen'igu la 5an, 6an, 7an kaj 8an figuron!




**Kaj ankoraŭ du demandoj:**

a) Kia bildo estos sur la 10-a loko?
b) Kia bildo estos sur la 15-a loko?

# Solvo de la antaŭaj taskoj

**1. La vorton ESPERANTO oni povas legi en 70 direktoj:**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 1 | 3 | 6 | 10 | 15 |
| 1 | 4 | 10 | 20 | 35 |
| 1 | 5 | 15 | 35 | 70 |

**2. Kiel dividi la kvin-angulon:**




**3. Sak'etoj kun mon'eroj:**

Unue oni flanken-metas du sak'etojn, poste oni metas po tri saketojn el la restaj ses saketoj sur la telerojn de la pes'ilo. Se unu telero pezas pli ol la alia, tiam vi devas pesi du el la tri saketoj, kiuj pezis pli; se ili egal-pezas, do, la rest'anta unu estas pli peza. Se la saketoj sur la teleroj (po tri) egal-pezas, tiam vi devas pesi nur la du saketojn, kiujn vi flanken-metis.

## Humanismo

"Mi konvink'iĝis,[1], ke estas pli bone doni ol ricevi", diras viro al sia iama lern'eja amiko. Dialogon vidu en H.2 kaj V.1.




**Horizontale:**

8. Tabel-vorto (reen)
9. Inter-nacia signo por venko en bokso
10. Rivero en Italio
11. Artikolo
12. Teks'aĵo el brila fadeno
13. Reen: tre luma (R)
14. Mal-prava
16. Renkontu ion per serĉ'ado
18. Fari sport'aĵon
19. Tag-parto (mikse)
20. Tabel-vorto (reen)
21. Mal-granda
22. Kontraŭ-paro de pluso
25. Sufok'
26. Signo de sovetiaj flug-maŝinoj
27. T-oj
28. Starti

29. El kio oni faras porcelanon
31. Sam-signifa vorto
32. Kara est'ulo en usona filmo

**Vertikale**

2. Persona pronomo
3. Kiel H. 28
4. Unu-nura
5. Medikamentej'
6. Unua duono de sola
7. Supren-leva aparato (R)
12. Viv-konon
13. Gajna ludo per biletoj kun numeroj
15. Duono de rano
17. Greka litero
19. Ion mikse
20. Estonta viro
23. Persona pronomo (reen)
24. Ŝip'et'adu (reen)
25. Gras'ulon (mikse)
28. Mal-ĝuste (mikse)
29. Konsonantoj de konuso
30. Duon-likvor'
32. Tabel-vorto
33. Liliputa (R)

J. Fórizs.

1) ekkredi je io.

Solvo de la antaŭa kruc-enigmo: "Nun mi bone komprenas, kial la avino tute griz'iĝis". La ĝustan respondon sendis Anett Bányik el Salgótarján, Hungario.

## Klubo de Legantoj

Respondu vaste je tiuj ĉi demandoj. La plej bonaj respondoj povos aperi en la revuo.

1. Kia-maniere vojaĝas la plej-multo da homoj?
2. Kio veturas sur speciala vojo (trako) kiun formas du reloj (longa objekto el fero) ĉiam same mal-proksimaj unu de la alia?
3. Kie oni en-iras kaj for-lasas vagonon?

4. Kio tiras vagonojn?
5. Kio veturas sur vojoj?
6. Kio funkci'igas vetur'ilojn?
7. Kiel oni vojaĝas sur akvo?
8. Ĉu vi jam vojaĝis per ŝipo?
9. Kiel oni mov'iĝas super la tero?



10. Ĉu ĉiuj transport'iloj (vetur'ig'iloj) havas radojn (rond'aĵoj, kiuj facil'igas movadon de la veturilo)?
11. Kie estas atendejoj kaj kial?
12. Ĉu vi uzas publikan trafikon (vetur'il'aron) aŭ ĉu vi posedas la propran transport'ilon?
13. Laŭ kio veturas publikaj transport'iloj en siaj linioj?
14. Kiel oni pagas por la publika transport'ado?
15. Skribu pri via plej longa vojaĝo!

El viaj respondoj povus est'iĝi interesa pri-skribo, kiu indus premion aŭ eĉ aper'igon.

La demandojn en la numero 32, aprilo 1984, bone solvis Viktor Fajuk, Ternopil, USSR. Ni gratulas.

---

Patro, kion vi deziras havi, fraton aŭ frat'inon? — demandas la ge-patroj.

— Tute egale, faru kion vi deziras!

— Antaŭ ne-longe mi mendis abelojn el Turkio.

— Kial ĝuste el Turkio?

— Mi ŝatus produkti turkan mielon.

# LA LUNO KAJ LA SUNO

## Filipina fabelo

Antaŭ longa tempo ankaŭ la Suno havis mult'egajn infanojn-stelojn, kiel la Luno. La infanoj de la Suno estis or-koloraj kaj el ili radiis varmo. La infanoj-steloj de la Luno estis arĝent-koloraj, ili brilis mal-varme.

Iam la Luno ek-vidis, ke la Suno kaj ĝiaj oraj infanoj-steloj baldaŭ neni'igos ilin. Por savi sian vivon kaj tiun de la infanoj, la Luno tiel ĉi al-parolis la Sunon:

— Miaj infanoj ne kapablas toleri[1] brul'et'igan varmon, kiu radias el vi kaj el viaj infanoj.

La Suno demandis:

— Kion fari?

— Ni povas fari nur la saman, — respondis la Luno. Por ke neniu el ni enviu[2] la alian, for-manĝu viajn infanojn kaj mi for-manĝos la miajn.

— Bone, — konsentis la Suno kaj tuj for-manĝis siajn orajn infanojn-stelojn. Sed la Luno rompis la inter-konsenton — ĝi kaŝis siajn arĝentajn infanojn-stelojn mal-antaŭ la nubojn. Sed la steloj foje-foje mal-kaŝiĝis kaj la Suno ek-vidis ilin. Ĝi koler'iĝis:

La luno trompis[3] min por savi[4] sian vivon kaj tiujn de la infanoj — ĝi diris, — tio kostos al ĝi multe!

Kaj de tiam la Suno pelas kaj pelas[5] la Lunon por bati ĝin. Sed la Luno estas lerta kaj rapida, la Suno ne kapablas ĝin atingi. Foje la Suno proksimiĝas al ĝi kaj tiam el-prenas sufiĉe grandan parton el la korpo de la Luno. Tiam la mal-dika resto de la Luno apenaŭ lumas kaj oni diras, ke al-venis la nova luno. Sed poste la Luno fort'iĝas, ĝia korpo rond'iĝas.

Kiam matene la Luno aperas sur la mal-supro de la ĉielo, la Luno kaŝiĝas kune kun siaj infanoj kaj ĝi mal-kaŝ'iĝas nur kiam la ora disko de la Suno mal-aperas en la foro.

Trad. I. Takács

1) lasi ion fari al si, 2) deziri havi ion, kion havas alia, 3) erar'igi, 4) liber'igi iun de danĝero, morto, 5) kur'igi.

# Nia Poŝto

## Helpi proksimulojn en Etiopio!

La Esperanto-klubo en Bydgoszcz, en kiu agad'as la junaj homoj kaj kiu kun-laboras kun la Kastora Klubo en Varsovio, organizas helpon al la popolo de Etiopio. En sia komuna letero, kiun ili dis-sendis al 70 esperant'istaj organiz'aĵoj en la tuta mondo, membroj de la klubo skribas inter-alie jenon:

Se vi volas helpi, bon-volu sendi al Bydgoszcz, Pollando, bild-kartojn, poŝt-markojn, albumojn, librojn, glu-markojn kaj aliajn aĵojn, kiujn oni povas vendi al jun'ul'aro. En la lern'ejo, en kiu trov'iĝas la Klubo de Esperanto, okazos grand'ega aŭkcio kun la celo helpi al mal-sata Etiopio. Ĉu vi volas helpi al nia aŭkcio? Se jes, bonvolu sendi donacojn al:

Klubo de Esperanto,
VI Liceum ogólnoksztakcace
ul. Staszica 4
Bydgoszcz, Pollando

aŭ al

Przemek Grzybowski
(prez. de la klubo),
ul. G. Zapolskeij 14/57
PL-85-149 Bydgoszcz,

## Pli da kantoj

E. Perevertajlo sci'igas al ni sian opinion pri *Juna Amiko*: Laŭ mi *JA* ŝajnas sekvi plen-kresk'ulajn Esperantajn revuojn. Mi ŝatus, ke ĝi estu ne nur manifest'ejo de plen-kresk'ulaj traduk'istoj, sed (almenaŭ) 30%-e konsistu el problemoj kaj leteroj de la leg'antoj, sed el tiuj pri la lerneja vivo, pri la infanaj zorgoj, pri lernado de Esperanto, pri la Esperantaj

korespond-amik'etoj, pri uz'ado de Esper'anto por amik'iĝo, proksim'iĝo... Estas agrable, ke en via revuo aperas kantoj. Iom ĝenas min unu mal-ordo — ĉe la traduko de mia talenta amiko Poul mankas la muzik-notoj, sed ĉeas la nomo de la kompon'isto, ĉe tiu de mia ne mal-pli talenta amiko Imre mankas komponisto, sed trov'iĝas guliveraj literoj... Aperu multaj kantoj, belaj, agrablaj, popolaj, inter-naciaj, popularaj. Por ke ili estu multaj, mal-dik'iĝu la notoj, literoj kaj la alvoko KANTU!




Marek Makowski, 15 jara, Aleja Róz 15 m 6, PL-05-500 Piaszeczno, Pollando. Kun knabo aŭ knab'ino el Hungario. Interes'iĝas pri sporto, muziko, turismo kaj modo, lernas rusan kaj germanan. * Andres Sildam, str. Laulu 12-1, Tallinn 9, Estonio, SU-200 009. 15-jara lernanto, kun samaĝaj lernej'anoj el la tuta mondo; kolektas bild-kartojn, poŝt-markojn. * Oksana Sanĵara, Sovetunio, SU-316 028 Kirovograd, str. Volkov 25-68, pri arto, muziko, literaturo, vojaĝado, turismo, kolektas bild-kartojn, diskojn, kantojn.Kun 16—18-jaraj sam-ide'anoj el la tuta mondo. * Oksana Trus, 15-jara fraŭl'ino, Sovetunio, SU-261 613, Zitomirskaja obl. Cudnovskij rajon, Krasnopol. Kun amikoj el Italio, GDR, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Rumanio, Alĝerio, Brazilo, Ĉinio, Finnlando, Hispanio, Sovetunio. * Tatjana Zavjalova, 20-jara (ŝat-okupo: lingvoj) kaj Lena Polinskaja, 16-jara (muziko), Sovetunio, Archangelsk, pr. Novgorodskij 32,k.1,kv.37. * Fedor Istvánné, 29-jara instru'ist'ino, Miskolc, Szeder u. 10, H-3533, Hungario. * Por siaj kursanoj serĉas plum-amikojn Capita Lourenco, B.P. 1841, Pointe Noire, Kongo. * Klaso de ge-jun'uloj (13—16-jaraj) serĉas kontakton kun ekster-lando. Skribu al Ian White, St. Augustine's High School, P.O. Box 463, Banjul, Gambio.

10.-

# humuro

Instru'isto demandas lernanton:

— Kiel vi povus esprimi la diferencon inter homo kaj simio?

— Foje temas nur pri unu botelo da konjako.

* * *

— Kial vi devis resti pli longe en la lernejo? — demandis patro.

— Mi ne sciis, kie troviĝas la Azoroj.

— Nu, estonte, vi pli bone memoru, kie vi lasas aĵojn!

Profesoro parolas antaŭ publiko:

— Ĉiu homo ricevas jam ĉe sia nask'iĝo tion, kion li plej multe bezonas en la vivo.

Voĉo el la publiko:

— Tio ne povas esti vero, ja en tiu kazo la homo devus nask'iĝi kun plena mon'ujo!



"Nun ni devas esti atent'emaj, ĉar ni en-iras teritorion de ĉas'istoj[1] de kranioj.[2]"

1) ĉasi — sekvi por sen-viv'igi, 2) skeleto de kapo.



"Ĉu vi scias, kiom da plumoj havas unu papago?"